10ª JARO 1913. ★ FEBRUARO 1913.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(JOH., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## AL LA LEGANTARO!

Je mia granda kontentiĝo mi povas sciigi, ke la problemo, priparolita en Decembro- kaj Januaro-numeroj, estas solvita.

**S-ro Juan Rosals, Librería, Puerta Ferrisa, 30, Barcelona, Hispanujo, bonvole prenis sur sin la riprezentadon de Espero Katolika en Hispanujo.**

E. K. povas esti tre kontenta, pri tiu sukceso, ĉar S-ro ROSALS, bone-konata kiel agema, fervora Esperantisto Katolika, samtempe estas libristo, komercisto. Tio estas garantio, ke li ne nur sindone, sed ankaŭ akurate pritraktos la E. K.-interesojn en Hispanujo.

S-ro ROSALS en letero al mi la jenon proponas:

„Ĉiu abonanto hispana pagos al sia poŝtoficejo la abon-„monon, sendotan al mia nomo kaj adreso per *enlanda „poŝta kambio*. Tiu rimedo estas uzata de antaŭ unu jara „kaj tre multe faciligas la enlandan komercadon. Mi ri-„cevos la abonpagojn po unu, kaj ilin kune alsendos al Vi”.

Tiun proponon mi plene akceptas. La hispanaj abonantoj estas do petataj pagi sian abonon al la riprezentanto de E. K. por Hispanujo.

Post ricevo de sciigo pri pagado, mi publikigos la nomojn de la pagintoj sur la 5-an paĝon de la kovrilo de E.K. Kiel ĉiam, senpagaj propagand-numeroj estas je dispono de la abonantoj.

Plenkonfide mi renkontenvidas grandan aron da novaj abonantoj en Hispanujo!

---

Bonan ekzemplon donas niaj Aŭstriaj samideanoj. Jam en 1912, sed precipe depost la Budapesta kongreso, nia katolika movado progresas en Aŭstrio-Hungarujo, certe ne-malpleje, dank' al la energia laborado de pioniroj kiel S-roj Karlo WESELY, Josef HÖRL, Benedikt Ulm.

Estas al mi agrable sciigi, ke jam nun mi devis forsendi premiojn por varbado de novaj abonantoj al S-ro WESELY, kiu promesas baldaŭ alsendi pliajn!

Samideanoj el aliaj landoj imitu tiun bonan ekzemplon!

Via en Kristo,
Frans SLEIJFFERS.
Administranto.

---

## Averto de la Redakcio.

Je nia bedaŭro, pro manko da spaco, la subskribo sub la artikolo **Balkanaj Landoj** (Januara numero, paĝojn 31-32) ne povis esti presata.

Plezure, samtempe petante pardonon al nia sindona kunlaboranto, ni ĉi sube publikigas lian nomon:

S-ro Ambrozije BENKOVIĈ,
Sarajevo, Ĉemerlina 7
Bosnio, (Aŭstrio).

---

## Grava Avizo!

Kara Redaktoro.

Post zorga ekzameno, mi povas tutkonscience rekomendi al niaj karaj gelegantoj la „Entreprenon por la disvastigo de Esperanto inter la Katolikoj", starigita de abato RAMBOUX en Charleville. Tiu entrepreno estas tute ne komerca, kaj absolute ne profitema. La tuta profito helpas religian celon, kaj interalie, ĝi helpas al la subtenado de sindonaj francaj monaĥinoj, nuntempe ekzilataj el sia patrujo per la malamikoj de la religio. Mi mem mendis kelkajn el la

belaj ilustritaj poŝtkartoj, jam anoncitaj en E.K., kaj mi multe miris pri ilia beleco kaj pri ilia eta prezo. Por ĉiu mendo sin adresi al S-ro Paul TOURNIER, 17 Cour d'Orléans, Charleville. Ardennes, France.

Mi restas, kara Redaktoro,
tute via en Jezu kaj Maria
Austin RICHARDSON, L. K.

---

## Ni militu kontraŭ Alkoholismo.

Tre plezure mi eksciis, ke, dum la Buda-Pesta kongreso, oni pritraktis la alkoholisman demandon kaj voĉdonis deziresprimon pri la kontraŭalkohola agado, kiu nun estas farata precipe de la porabstinencaj ligoj.

Tiu demando, efektive, estas gravega, kaj por kelkaj landoj, estas demando pri vivo aŭ morto. Estus do interese scii, per la interrilatiĝo inter la diverslandaj kontraŭalkoholuloj, kio estas farita en ĉiu lando, por kontraŭbatali alkoholismon.

Atendante, mi kolektis kaj tradukis esperanten la opiniojn esprimitajn pri alkoholo kaj la ebriigaj trinkaĵoj de kelkaj eminentaj homoj el ĉiuj tempoj. Mi pensis, ke tio interesus la legantojn de *Espero Katolika* kaj eble instigus kelkajn, por ke ili plene studu tiun tiel aktualan temon kaj fervore laboru por sufoki la abomenindan monstron, kiu faras tiel terurajn detruegojn, fizikajn kaj moralajn, en la individuo, en la familio kaj en la societo.

### Opinioj de kelkaj famaj antikvuloj pri la ebriigaj trinkaĵoj.

Kiuj ebriiĝinte faris krimon, tiuj devas esti punataj duoble.

*Pitako, unu el la 7 saĝuloj de Grekujo.*

La malsobrulo, kiu sin allasas al la korpaj plezuroj, ne estas plu libera homo: li suferas la plej teruran sklavecon, ĉar li estas subigita al la plej malbona el la mastroj.

*Sokrato.*

Ni volas, ke la junuloj ne trinku vinon, antaŭ ol esti dekokjaraj. *Platono.*

La idoj de gepatroj drinkemaj fariĝas drinkemaj.
*Aristotelo.*

Tage kaj nokte pri tio zorgas la malsobruloj, ke ili malsaĝiĝu kaj freneziĝu. *Pitagoro.*

Mi ne trinkas vinon pro la grandegaj utiloj kiujn havigas abstinenco. *Demosteno.*

Nur panon mi manĝas kaj nur akvon mi trinkas pro mia plezuro, por vivi pli agrable kaj gaje. *Epikuro.*

Akvo estas la plej bona trinkaĵo por homo, ĉu li estas sana aŭ malsana.
*Galiano, kuracisto de l' imperiestro Màrko-Aŭrelio.*

**Opinioj de kelkaj Sanktuloj prj la ebriigaj trinkaĵoj.**

Neniu, krom la malsanuloj, trinku vinon kaj aliajn ebriigantajn trinkaĵojn. *Sankta Pakomo.*

Ne trinku vinon senbezone. *S-ta Doroteo.*

Vino tute ne taŭgas por religiuloj. *S-ta Benedikto.*

Mi laŭdas tiujn, kiuj, por venki la malsobrecon, trinkas akvon kaj forkuras for de vino, kiel for de minaca fajro.
*S-ta Klemento el Aleksandrio.*

Tute kaj absolute abstinencu pri vino aŭ pleje trinketu da ĝi nur tre malmulte. *S-ta Atanasio.*

La trinkado de akvo, estante laŭnatura kaj sufiĉa por la bezonoj de ĉiuj, estas proponita al ĉiuj. *S-ta Basilio.*

Iom da akvo pli ŝatinda estas ol ĉiuj nektaroj de l' mondo. *S-ta Alfonso de Liguori.*

La Sanktuloj ne nur bone parolis, sed ili ankaŭ donis ekzemplon: multaj, en ĉiuj epokoj, estis tute abstinencaj pri vino kaj ĉiaj ebriigaj trinkaĵoj.

Laŭ Baronius kaj Cornelius a Lapide, la Apostoloj estis akvotrinkantoj kaj tiaj ankaŭ estis ĝenerale la frutempaj Kristanoj, tiagrade, ke la vin-trinkantoj estis konsiderataj kiel deflankiĝantaj de la ordinara kutimo.

Tiun ekzemplon imitis la monaĥoj kaj monaĥinoj en la unuaj jarcentoj de la Eklezio.

Dum la sekvintaj jarcentoj, oni povus citi ankaŭ multe da abstinencaj Sanktuloj, sed ĉi-sube mi donos nur kelkajn malmultajn nomojn, kiujn estas pli interese koni:

S-ta Bruno, fondinto de la Kartusianoj.
S-ta Norberto, fondinto de la Premonstratanoj.
S-ta Dominiko, fondinto de la Dominikanoj.
S-ta Francisko, fondinto de la Franciskanoj.
S-ta Ignacio, fondinto de la Jesuitoj.
S-ta Karlo Boromeo, reforminto de la Pastraro.
S-ta Filipo de Neri, fondinto de la Oratorianoj.
S-ta Vincento de Paŭlo, fondinto de la Lazaristoj.
S-ta Alfonso de Liguori, fondinto de la Redemptoristoj.

## Opinioj de kelkaj modernaj eminentuloj pri la alkoholaj trinkaĵoj.

Alkoholo estas mirinda ilo por produkti lumon kaj forton. Ĉi-tion ni postulas, ke oni plenigu je ĝi la lampojn, la rezervujojn de l' aŭtomobiloj, la fajrujojn de l' kaldronegoj, kaj ke oni ne verŝu ĝin en la stomakojn.

*Casimir Périer, prezidinto de la franca Respubliko.*

Nur homo manĝas ne malsatante kaj trinkas ne soifante. Li fumas kaj maĉas tabakon, enflaras venenojn, ebriiĝas per fermentintaj trinkaĵoj, toksikigas kaj brutigas sin per ĉiuj imageblaj rimedoj. *Charles Darwin.*

Mi povas plibone agi rilate al mia cerbo ol veneni ĝin per vino. *Thomas Edison.*

Alkoholismo, en la nuna tempo, kaŭzas pli da detruegoj ol pesto, malsatego kaj milito. *Gladstone.*

Dum dudek jaroj mi vivis trinkante nur akvon kaj elportis kuraĝege la plej grandajn laciĝojn ne uzante alkoholon. *Livingstone.*

La sperto pruvis al mi, ke la alkoholaj trinkaĵoj, en la malvarmaj landoj, ne estas necesaj por la homo, sed kontraŭe malutilaj. *Nansen.*

Dum miaj longaj kaj lacigaj militiradoj en Sudano, en Tonkino, en Madagascar, mi ĉiam absolute abstinencis pri

alkoholo kaj nur akvon mi trinkis. Pro tio, mia farto estis ĉiam bonega en la Kolonioj, malgraŭ nutrado ofte nebona kaj lacigado ĉiumomente supermezura.

*Generalo Gallieni, franca guberniestro en Madagascar.*

Se la homoj konsentus ne plu trinki alkoholon, oni povus fermi la naŭ dekonojn de la malliberejoj.

*Lord Coleridge, supera juĝisto en Anglujo.*

Se la laboristoj ŝparus la tre grandajn kvantojn da mono elspezatajn por la alkoholtrinkaĵoj, kiuj ilin brutigas, ili povus, post dek jaroj, aĉeti ĉiujn fabrikejojn, kie ili laboras.

*Laveleije.*

La triumfo de sobreco estas la unua kondiĉo por ia ajn plibonigo, ĉu materia, ĉu morala, de la stato de la laboristaj klasoj. *Cobden.*

La socialaj demandoj, kies solvo malkvietigas nian epokon, ĉirkaŭpremas nin. Oni ne sukcesos solvi ilin, antaŭ ol kiam oni estos venkinta alkoholismon: pro ĝi ĉiuj reformoj neniel utilos. *Le Jeune, belga ŝtatministro.*

Ĉiufoje kiam mi eniras ĉe alkoholvendiston por aĉeti cigaron aŭ alumetojn, mi salutas, per furioza kaj terurita rigardo, la bretaron sur kiu estas vicigitaj la boteloj kun koloraj surskriboj kaj diras al mi: „Jen estas la venenoŝranko! Jen estas la malnoblega laboratorio, kie la revolucioj prepariĝas, el kie eliras la malnaskeco, la raĥiteco, la frenezeco, la krimeco!" *Eduard Drumont.*

Post la religieco, nenion pli valoran Dio povas doni al homo ol la abstinencon. Sobreco estas ŝirmilo kontraŭ ĉiuj malvirtoj kaj instigilo al ĉiuj virtoj. Mi preferas esti venkata ĉe ĉiu baloto ol rompi mian abstinencpromeson.

*O'Connell.*

*Fine, jen vortoj de du episkopoj kaj de* LEONO XIII-a, *papo.*

La Religio nuntempe ne havas pli akran malamikon ol alkoholismo. . . .

Se ni estus komencintaj, 25 jarojn pli frue la kontraŭalkoholan bataladon per niaj katolikaj ligoj, Londono enhavus nuntempe cent mil katolikojn plie.

*Kardinalo Manning.*

La prilaborista demando estas parte la prisalajra demando; sed, eĉ se ĝi estos kvinoble aŭ dekoble pli alta la salajro neniam sufiĉos por la alkoholulo kaj ne kapablos fortiri lin el la mizero.

*M-ro Turinaz, episkopo de Nancy.*

Kun speciala plezuro mi sciiĝis, ke fervorege vi bataladas kontraŭ la pereiga malsobreco per viaj katolikaj porabstinencaj ligoj.

Ni ŝatas kiel tre laŭdindan la noblan devigon, kiun tiuj ligoj altrudas pri la plena abstinenco je ebriigaj trinkaĵoj: tute eksterdube, ĉi tiuj promesoj estas la taŭga rimedo, el kiu oni povas esperi la plej utilajn efikojn kontraŭ la malsobreco. La plej fervoraj el ĉiuj, sur tiu agadkampo, devas esti la pastroj.

*El letero de Leono XIII-a, papo, al M-ro Ireland, episkopo de S-ta Paulo (Usono).*

Kolektis kaj esperantigis
Abato DESRAY.

---

# Simplaj notoj de Pilgrimo al la „Sankta Lando".

---

*Daŭrigo.*

**La 9-an de Septembro.**

Hodiaŭ, je la kvara matene, ni iris ĉeesti la meson, kaj forveturis, longe antaŭ tagiĝo, por trafi la vagonaron en Kaifa. En la regiono, kiun trakuras la fervojo, staras la Monto de l' Ofero; tie, Elio faris la oferon, kiun la fajro de l' ĉielo mirakle konsumis en la ĉeesto de la konfuzigitaj pastroj de Baal.

Grandaj nigraj tendoj ŝirmas la paŝtistojn en tiu varmega ebeno, kiu kuŝas sub la nivelo de la maro. Akvo elŝvitas el la grundo kaj faras marĉojn. La temperaturo tre altiĝas.

En Semack ni atingas la bordojn de la lago de Tiberias, nomita ankaŭ lago de Genezaret, aŭ Galilea maro. Kiom

da kortuŝantaj epizodoj el la vivo de Jezuo estas ligitaj kun tiu nomo! Sur tiu lago, kies dolĉe blua supraĵo etendas sin antaŭ ni, Nia Savinto montris Sian Diecon marŝante sur la akvoj. Tie, laŭ Lia ordono, fariĝis la mirakla fiŝkaptado. Alian tagon, per unu vorto, li kvietigis la furiozantajn ondojn de tiu monta lageto.

Ĉiuj pilgrimantoj memoras tiujn mirindaĵojn, kaj volas pie trinki iom de tiuj akvoj, apud kiu vivis kaj instruis la Filo de Dio.

Vaporŝipeto nin alkondukas de Semack al Tiberias. Ni sentas nin en Sankta Lando, Lando de mirakloj, kie la Enkarnigita Vivo pasis, bonfaranta kaj persekutata.

Ni loĝas en „Casa Nova", la gastejo de la Patroj Franciskanoj. Tiuj ĉi posedas tiajn gastejojn en multaj urboj de Palestino. En tiuj domoj, la pilgrimanto trovas afablan akcepton, bonan nutraĵon, kaj purajn, komfortajn ĉambrojn, por tre modera prezo.

La somero estas tre varma en Tiberias. Hodiaŭ oni ne sentas eĉ unu bloveton da aero.

Kelkaj el ni deziras viziti la alian bordon de la lago, Kafarnaum, Magdala, kaj aliajn lokojn cititajn en la Evangelio. Sed oni avertas ilin, ke la ekskurso estos iom longa kaj peniga pro la varmego, ĉar al la barkoj la veloj estos senutilaj ĉe tiu senventa posttagmezo. Malgraŭ tio, ili enŝipiĝas. Ni profitas ilian foreston por ĝui ian ripozon en la duonlumo de niaj ĉambroj.

Kelkajn horojn poste forta bruo vekas min: la vento siblas kontraŭ la fenestroj, skuas la fenestrokovrilojn, kaj muĝas ĉirkaŭ la domo.

Tuj al mia imago prezentiĝas bildo el la Nova Testamento: la barko de la disciploj skuata de la ventego, sur tiu sama lago... Mi kuras supren, sur la tegmenton, de kie la okulo superregas la tutan akvosupraĵon. El la alia flanko de la lago alkuras longaj ondoj; la akvo kolere leviĝas, pelita de la uragano. Kaj, ankoraŭ malproksime, jen la du barketoj, kontraŭ kiuj la ondoj batalas.

Kian realecon alprenas la bibliaj rakontoj, por tiuj, kiuj vidis la landon de la Biblio!

Vespere ni havas la plezuron vidi la ŝipetojn albordiĝantajn. Niaj ekskursantoj revenas al Casa Nova tute malsekaj, sed tre kontentaj pri la viditaĵoj. En Kafarnaum la Franciskanoj zorge esploras la ruinojn; ili trovis tie belegajn restojn de romstila konstruaĵo; kredeble la sinagogo konstruita de la roma centestro Kornelius, nomita en la Evangelio.

La vespero, estas belega. Sidante sur la plata domtegmento, ni ĉirkaŭrigardas. Ĉe niaj piedoj la lago dormas, repacigita, en la krepuska duonlumo. Sur la urbeto, la lastaj ruĝaj rebriloj de la subiranta suno oras la minareton. Subite aperas, sur la supro de tiu minareto, brilaj lumetoj, kaj voĉo elsonas, strange penetranta, vokanta por la preĝo.

La Mohametanoj tre severe plenumas la faston. Ili nenion manĝas nek trinkas depost la sunleviĝo, ĝis kiam la „muezzin" anoncas la vesperpreĝon. Por la malriĉuloj, kiuj havas penigan laboron, tiu fasto estas suferiga penitenco...

La nokto venis. En la ĉambroj, la aero estas sufokiga. Nia direktanto konsilas kunpreni kovrilojn kaj dormi sur la tegmento. Efektive, mi renkontas pilgrimanton malaperantan en la mallumo kun sia matraco!

Tre volonte ankaŭ mi pasigus la nokton sub tiu hela, stellumigita ĉielo. Sed en la momento, kiam, komforte apogita kontraŭ la muro, mi komencas ĝui la dolĉan ripozon, mi aŭdas voĉon: Atentu pri la bestetoj! Kaj, tuj, vizio de skorpionoj, kuloj, k. t p. forpelas min de tiu freŝa paradizeto en la suban sufokejon!

**Tiberias, la 10-an de Septembro.**

Niaj noktoj ne estas longaj. Je la tria kaj duono ni jam ĉeestis la meson en la apuda preĝejo. Pro la varmego, oni rekomendas al ni forveturi antaŭ la sunleviĝo. Al la plej kuraĝaj, Monsinjoro proponas rajdi ĉevale al la Monto Tabor, survoje al Nazareth. La aliaj, kiuj timas naŭhoran rajdadon sur malbonaj vojetoj, lasas sin fortreni, aŭ pli ĝuste forskui en grandaj malfermitaj omnibusoj.

Kiaj vojoj! ĉu oni povas nomi „Vojoj" tiujn ŝtonejojn? ... Mi ne komprenas, kiel la veturiloj ne dispeciĝas. Ĉiumomente ŝajnas, kvazaŭ ni tuj estos renversitaj. Kiam la vojo fariĝas vere tro malfacila, la veturigisto simple de-

flankiĝas en la apudan kampon. Aŭ se la deklivo estas tro kruta, kaj prezentas danĝeron, tiam oni petas nin iri piede dum kelkaj minutoj. Ĉio tio multe amuzas nin, kaj ni ridas vidante unu la alian tute polvokovritan, kaj ellacigitan ...

Estas ĉiam agrabla surprizo, post longa veturado tra dezertaj lokoj, kiam oni alvenas al verda oazo, kun freŝa fonto kaj bongustaj fruktoj. Ni rimarkas, ke en ĉiu vinberkampo estas turo, uzita iam por fari vinon, sed nun simple por gardi la fruktojn kontraŭ la ŝtelistoj. Tio klarigas al ni la vorto: Viro plantis al si vinberejon. . . kaj li konstruis tie turon. (S. Marko, XII, 1.)

En alia loko ni vidas, malalte en la muro, apud la vojo, kvadratajn truojn. Oni díras al ni, ke tio estas tomboj, kiujn oni fermas rulante antaŭ ilin grandan rondan ŝtonon. Ankaŭ tio klarigas al ni vorton de la Evangelio: „Ili trovis la ŝtonon rulitan for de la tombo.” (S. Luko 24, 2.)

Ni alproksimiĝas al Kana. Ĉe tiu nomo, nia koro pleniĝas de solena emocio. Jen de tiu loko, en kiu iam la enkarnigita Kreinto de l' mondo bonvolis, por la unua fojo, montri Sian ĉiopotencon. Jen la loko, kie Lia Patrino diris tiun vorton, kiu devus esti la regulo de nia vivo: „Faru ĉion, kion Li diros al vi.” Jen la kondiĉo de fruktoriĉa agado.

Dika, duobla vico da kaktus'oj borderas la vojon. Grupoj de arbetoj kreskas en la kampoj En Kana, malgranda vilaĝo pitoreske staranta sur monteto, ni estas afable akceptataj de religiulo — iama Mahometano — kiu nun revenis en sian landon kaj sentime dediĉas sin al la konvertigo de siaj antaŭaj samreligianoj.

Sur la vojoj en la vilaĝo, nubo da knabinoj persekutas nin: ili vendas puntojn, dum aliaj petas almozeton. Almozuloj estas unu el la turmentoj de tiu lando: eĉ la plej junaj infanetoj provas etendi la manon kaj balbuti: Bakŝiŝ.

La rendevuo kun níaj rajdantoj estas en Nazareth. Ni atendos ilin por iri procesie al la preĝejo de la „Anunciacio”, en kiu ni ricevos niajn insignojn.

Efektive, je la kvina, la bela blanka standardo de S. Ludoviko (nia pilgrimo havas tiun nomon) gvidas la pil-

grimantojn al la preĝejo. Solena ĝojo kondukas nin al la loko, en kiu plenumiĝis la plej grava okazintaĵo en la historio de l' mondo: la Enkarniĝo de Dio. En tiu Galilea urbo montriĝis la plej mirinda pruvo de Dia amo: la dono de la Vivo al la perditaj pekuloj...

### Nazareth, la 11-an de Septembro.

Ĉe la solena meso, hodiaŭ matene, ni supreniris al la altaro, kaj tie ricevis niajn insignojn. Ili konsistas el krucifikso kun kvar etaj lilioj. Fiksante ilin al nia vestaĵo, ŝajnis al ni, ke ni ligas nin pli firme al Dio kaj al la Sankta Lando, kiun ni nun piece vizitos.

Dum nia vojaĝo, ni devos ĉiam iri are, por esti protektataj kontraŭ almozuloj aŭ fanatikuloj, kiuj tedus nin. Antaŭ ni marŝas turka policisto kun sabro kaj vipo. La sabron oni ne timas, (ĝi estas neuzita armilo), sed la vipo forterurigas homojn kaj bestojn! Mizera lando, en kiu regas la vipo!

La posttagmezo estis dediĉata al la vizito al la diversaj kunfrataroj en Nazareth. Ni trovis tie multajn Francojn, kiuj ĝojis pri alveno de samlandanoj, kaj afable montris siajn instituciojn. Ankaŭ la franca konsulo ĝentile invitis nin. En lia salono ni rimarkas sinjoron armitan kiel oficiro. Oni montras al li specialan honoron. Li estas la „drogman" de la Fratinoj de Nazareth. La Fratinoj, ĉe siaj vizitoj al la suferantoj, neniam eliras sur la kamparon sen tiu protektanto.

### Nazareth, la 13-an de Septembro.

Jam ni devas forlasi la urbon de la Anunciacio. La veturiloj atendas ĉe la pordo de la bela kaj komforta Casa Nova. La kruta vojo rapide malsupreniras de la montoj de Galileo en la ebenon de Esdrelon. Ni alvenas al Dĵenin, urbeto gracie kaŝita inter altaj palmarboj kaj fruktodonaj ĝardenoj. Malgraŭ la freŝa fonto kaj plaĉa ombro, ni ne haltas tie, ĉar la urbo ne estas gastama por Kristanoj. Infanoj pasas kaj repasas antaŭ ni kriante malbenojn „al tiuj senreligiaj homoj!"

**Naplus, la 13-an de Septembro.**

Hieraŭ vespere, ĉe noktiĝo, ni haltis ĉi tie en la antikva Sichem. La urbo estas preskaŭ tute Mahometana. Ĝi sovaĝe malamas Kristanojn. Por viziti la urbon, ni formas procesion: la sinjorinoj okupas la internajn vicojn, la sinjoroj staras ekstere por ilin ŝirmi, se necese. Ankaŭ ĉi tie, oni insultas nin, sed nur enlanduloj komprenas...

Ni loĝas parte en la knabina lernejo, parte ĉe la paroĥa pastro, kiu gastame klopodas por trovi lokon por ĉiuj. Ni estas lacegaj, kaj nia ripozo mallonge daŭros! Frumatene niaj veturiloj denove atendas nin. Ni eliras el la urbo kun ia plezuro, ĉar ni sentas, ke la preterpasantoj malamas nin.

La ĉirkaŭaĵo fariĝas dezerta. Vidiĝas nur seka tero sursemita de ŝtonegoj. Evidente, malbeno pezas sur tiu lando, kiu malakceptis la Dian Savinton.

Monteto post monteto prezentiĝas al ni, senarba, senviva. Fine, ĉe la supro de unu el tiuj altaĵoj, Monsinjoro haltigas la ĉevalojn:

„Venu," li vokas solene, „jen la Sankta Urbo, jen Jeruzalemo. Ni kisu la teron, kiu donis al ni Kriston".

La pilgrimantoj, tute emociitaj, surgenuas apud la vojo, kaj salutas Jeruzalemon, la sanktejon de la Dia Viktimo, la Patrujon de niaj animoj!...

**Jeruzalemo, la 14-an de Septembro.**

Hieraŭ, ĉe nia alveno, ni iris procesie, al la Sankta Tombo. Imponanta ceremonio. Alproksimiĝantaj al la Sankta Tombo, emocio premegas nin. Larmoj fluas. Pro niaj pekoj, ho Sinjoro, Vi suferis tian kruelan morton... Pro nia kulpo Vi kuŝis tie, mortinta, Vi, la Kreinto de la Mondo! Miserere nobis; parce nobis, Domine...

De la preĝejo de la Sankta Tombo ĝis nia loĝejo ni pasas tra mallarĝaj, malpuraj stratetoj, sur kiuj ĝemas almozuloj kaj malsanuloj. Sur ambaŭ flankoj staras etaj, mallumaj butikoj —, ĉio tio donas malĝojan impreson de mizero kaj malfeliĉo.

Kiel en Tiberias kaj en Nazareth, ankaŭ ĉi tie ni trovas en Casa Nova, la franciskana gastejo, agrablan, puregan hejmon; vere kristana rifuĝejo en tiu lando, kie regas la Turko.

Hodiaŭ matene ni ricevis la Sanktan Komunion apud la Kalvario. Nia tuta animo kantadis al Jezuo unu dankeman „Magnificat” pro la mirindaj gracoj, kiujn Li akiris por ni sur la Kruco.

La pilgrimantoj vizitis detale la vastan bazilikon, kaj poste Monsinjoro prezentis nin al la patriarĥo de Jeruzalemo. Surprize ĉi tiu prelato rimarkis la diversnaciecon de nia pilgrimantaro. Inter ni estas Francoj, Belgoj, Svisoj, Germanoj, Angloj, Hispanoj, Meksikanoj, Brazilanoj!

Dum nia tre bone organizita vojaĝo ne restas al ni multe da libera tempo. Mi tamen profitas je momenteto da ripozo por iri al la Hospico „Sankta Paŭlo”, por saluti la Direktoron, Rev. Patron Schmitz, amikon de la altŝatata kaj respektinda Sinjoro Abato Richardson. La Hospico — belstila gastodomo por altrangaj pilgrimantoj — estas unu el la plej grandiozaj modernaj monumentoj en Jeruzalemo. Kiam ĝi estos finkonstruita, kun sia bela preĝejo kaj imponanta fasado, la Germana Katolika Hospico estos vere inda je la potenca nacio, kiu ĝin starigis. Ĉiuj scias, ke la Rev. Patro Schmitz estas fervora, eminenta Esperantisto. Tiu afabla samideano akceptis nin en vasta, oriente meblita salono. Kiel plezurige aŭdi nian karan lingvon en Palestino! La sindona Direktoro montris al ni la internon de la bela palaco, la kapelon, la ĉambron-salonon, elegante meblitan, por membroj de la imperiestra familio, alian ĉambregon, severe kaj bonguste ornamitan, por ekleziaj altranguloj.

Al la Germanoj, Jeruzalemo ŝuldas alian speciale belan konstruaĵon. La germana imperiestro aĉetis kaj donis al katolikoj la lokon, en kiu — laŭ la tradicio — mortis la Sankta Virgulino. Sur tiu loko staras nun belega, nova preĝejo, de simpla sed admirinda stilo.

Mi ne povas citi ĉiujn interesaĵojn viditajn dum nia kelktaga restado en la Sankta Urbo. Tamen mi ne volas silenti pri nia vizito al la „Probatika Akvejo”, apud kiu Jezuo resanigis la malsanulon. Ĉe la enirejo, kontraŭ la muro, la rakonto de la Evangelio estas skribita en multaj lingvoj, kaj plezure ni vidis, ke unu el ili estas nia Esperanto.

La apuda Muzeo de Sankta Anna estas nepre vidinda.

Tie estas kunigitaj multaj objektoj nomitaj en la Sankta Skribo: lampoj, peziloj, armiloj, k. t. p. Speciale interesa estas fiŝo el la lago de Tiberias. Tiu fiŝo kovas la ovojn en sia buŝo, kaj pro tio ĝiaj vangoj plilarĝiĝas. Kiam ĝi fine ellasas la ovojn, ĝi anstataŭigas ilin per ŝtonetoj alprenitaj el la fundo de la lago. Tiu stranga konstato ĵetas novan lumon sur la rakonton de la Evangelio pri la monero trovita (kredeble kun la ŝtonetoj) en la buŝo de la fiŝo (S. Matt. XVII, 26).

Flanke de ĉiu objekto staras klarigo kaj citaĵo el la Biblio rilatanta al la dirita objekto.

En la ĉirkaŭaĵo de la urbo ni vizitis multajn vidindaĵojn. Inter ili la granda nova preĝejo S. Stefano; kaj, pli malproksime, S. Johano, bela vilaĝo meze de vera dezerto. En tiu vilaĝo staras la sanktejo de la „Vizitacio”, kaj la domo de S. Anna, kiu nun estas paroĥa preĝejo.

Tuj post nia reveno en Jeruzalemo, ni ree forveturas kaj alvenas en Bethleem en plena mallumo. La nokton ni parte pasigos en la preĝejo de la „Naskiĝo”: okazos tie meznokta meso.

## Bethleem, la 16-an de Septembro.

Kiel priskribi tiujn horojn pasigitajn en adoro, en la solena silento de la kapelo en Bethleem?...

En tiu loko, kie Vi unue montris Vin al la mondo, Ho Vera Dio kaj Vera Homo, ni en profunda kortuŝo kliniĝas antaŭ Vi. „Adoramus Te. Laudamus Te.” Eterne ni laŭdos Vin pro Via amo al la homaro! Eterne ni dankos Vin!

Tre rapide la tempo pasas en la sanktejo. Jam ni devas reiri al Jeruzalemo por plenumi la lastan, la ĉefan ceremonion de nia pilgrimo: la Kruciron.

Kunigitaj ĉe la unua Stacio de la Via Dolorosa, la pilgrimantoj ekvidas la grandan lignan krucon kunportotan laŭlonge de la vojo, kiun nia Savanto sekvis irante al la morto. Ĉe ĉiu stacio la pilgrimantoj surgenuas, meze de la strato, kaj preĝas, kvazaŭ nun por ili la tuta urbo estus sanktejo. Policisto interrompas en tiu momento la iradon de la veturiloj. La ĉeestantoj respektoplene aŭskultas. Kor-

tuŝiga estas la tuta ceremonio; la krucportantoj, kiuj pene subtenas sian pezan ŝarĝon surirante la ŝtupojn en la mallarĝaj stratetoj; la longaj vicoj da pilgrimantoj, kiuj ilin sekvas; la brunvestita monaĥo, kiu, ĉe ĉiu stacio, predikas staranta sur seĝo meze de la strato...

„*Ave, crux, spes unica*"... Vi malfermis por ni la ĉielon! Per Vi ni venkos, kaj alvenos al la gloro!

En la vespero, ni iras al la Monto de Olivujoj kaj al Gethsemani. Mi ŝatas la melankolian solecon de la Monto de Olivujoj. Tie oni povas kviete mediti kaj pensadi. En Gethsemani la Franciskanoj plantis kreskaĵojn, kies etaj ruĝaj floroj memorigas pri sangogutoj. Al pilgrimantoj oni permesas pie kunpreni la ruĝan floreton kiel memoraĵon de la kruela agonio de Nia Sinjoro en tiu loko. Vidiĝas ankoraŭ ok tre maljunaj olivarboj. Sub tia grizfolia branĉaro, Vi, turmentita suferis por ni, Jezuo, Dia Redemptoro... Nia vivo estu al Vi dankeme dediĉita...

Nia vizito al la Sankta Lando baldaŭ finiĝos. Unu lastan fojon ni iras preĝi ĉe la Sankta Tombo.

„Jeruzalemo, se mi Vin forgesos,
Mia mano forgesu moviĝi!
Mia lango alfiksiĝu al mia palato,
Se mi ĉesas pensadi pri Vi,
Se mi ne faras el Vi unu el miaj ĉefaj ĝojoj!"
(Ps. 137.)

Kun tiu kanto la pilgrimantoj adiaŭas la Sanktan Urbon...

La vagonaro de Jeruzalemo al la marurbo Jaffa malrapide serpentas inter la malĝojaj, senarbaj montoj de Judeo. Veran dezerton ni trairas. Nur ĉe la lasta stacio, Lydda, ekvidiĝas verdaj arbejoj. Oranĝarboj, palmujoj kreskas dense unu apud la alia. Estas ĝojo retrovi tiel riĉan verdaĵaron. Tio montras, ke ĉi tie akvo abundas.

„Lydda". Tiu nomo enskribita, per grandaj literoj, turke kaj latine, sur la stacidomo, revokas al nia memoro tiujn vortojn de la Nova Testamento (Aktoj de la Apostoloj IX, 32):

„Dum Petro vizitadis la sanktulojn en ĉiuj urboj, li ankaŭ venis al tiuj, kiuj loĝis en Lydda. Li trovis tie viron, nomitan Enco, malsana jam de ok jaroj, de paralizo. Petro diris al li: Jezu Kristo Vin resanigas... leviĝu!... Tuj li levis sin. Ĉiuj en Lydda... vidis tion, kaj konvertiĝis al la Sinjoro".

De Lydda ni tuj alvenos al Jaffa, sur la marbordo.

Jaffa estas la antikva Joppe, ankaŭ nomita en la „Aktoj", en la sama suprecitita ĉapitro:

„Estis en Joppe, inter la disciploj, virino nomita Tabitha (greke: Dorcas): ŝi estis tre bonfarema kaj disdonis multajn almozojn. En tiu tempo ŝi malsaniĝis kaj mortis. Oni lavis ŝin, kaj metis ŝin en supran ĉambron. Car Lydda kuŝas apud Joppe, la disciploj sciiĝis, ke Petro estas tie. Ili do sendis al li du virojn, por peti lin veni senprokraste. Petro levis sin kaj iris kun ili. Tuj post lia alveno, oni kondukis lin al la supra ĉambro, kaj ĉiuj vidvinoj ĉirkaŭis lin plorante kaj montrante al li la vestaĵojn, kiujn Dorcas faris por ili.

Petro eligis ĉiujn el la ĉambro, surgenuis, kaj preĝis. Poste, turnante sin al la korpo, li diris: „Tabitha, leviĝu!" Ŝi malfermis la okulojn, kaj, vidinte Petron, ŝi eksidis.

Petro tendis al ŝi la manon, kaj helpis ŝin leviĝi. Kaj vokinte la sanktulojn kaj vidvinojn, li prezentis ŝin al ili, vivantan.

Tiu miraklo diskoniĝis en la tuta urbo Joppe, kaj multaj ekkredis al la Sinjoro."

Jaffa havas pentrindan situacion apud la maro. Sed la haveno estas fermita per krutaj rifoj. La trairo inter ili estas neebla por grandaj ŝipoj. Barketoj transportas la vojaĝantojn de la bordo al la ŝipo ekster la haveno, — kaj reciproke. Sed ĉe ventego eĉ barketoj ne povas sendanĝere preterpasi la rifojn, sekve, iafoje, oni absolute ne povas en- aŭ elŝipiĝi en Jaffa.

Gvidlibroj rekomendas al fremduloj ne eliri vespere en tiu urbo. Sed ĉiaman afablan gastemecon oni trovas ĉe la bonaj Patroj en ilia Casa Nova! Nian lastan nokton en Palestino ni pasigas en komforta ĉambro kun belega vido sur la maro kaj sur la timigaj rokoj.

**Jaffa, la 18-an de Septembro.**

Frumatene ni konstatas kun plezuro, ke la akvosupraĵo estas trankvila. Nur kelkaj ondetoj ŝaŭmas ĉirkaŭ la rifoj. Ni povos sentime alproksimiĝi al la bela „Orénoque”, kiu atendas nin ekster la haveno...

Lastan rigardon ni ĵetas, starante sur la ferdeko, al tiu Sankta Lando, kiu baldaŭ malaperos por ni. Ni rigardas la gracian urbeton sur la flanko de la monteto antaŭ ni. Kaj ni dankas Dion pro la feliĉa tempo ĵus travivita inter la dolĉaj, solenaj rememoroj...

„Ramo.”

# Kroniko de I. K. U. E.

## Internacia Pilgrimo Katolika

**kaj kvara internacia Kongreso de la Katolikoj Esperantistaj en Romo.**

(7—14-an de Septembro 1913.)

*1-a Cirkulero de la Preparanta Komitato.*

Al ĉiuj membroj de I. K. U. E., kaj al ĉiuj katolikoj Saluton en Kristo.

Karaj gesamideanoj!

Vi ĉiuj scias, ke la jaro 1913 estos *tre grava* por nia kara movado.

Ĝis nun, jam trifoje estis donitaj al ni okazoj por montri al la tuta katolikaro, ke Esperanto povas esti kaj jam estas por ĉiuj naciaj filoj de la Sankta Eklezio, efika, facila kaj oportuna fratigilo.

Jam en ĉiuj kongresoj niaj, en Parizo, en Hago, en Budapesto, nia Sankta kaj amata Patro Pio X-a donis pruvojn de sia amo al ni kaj estimo por niaj klopodoj, sendante sian Apostolan Benon. Dum la nuna jaro, ni *mem* vizitos Lin, kaj niavice prezentos al la komuna Patro de ĉiuj fideluloj la esprimon de nia amo, kaj fila submetiĝo.

Ni vizitos Lin, en la Eterna Urbo, en kie de du mil jaroj la spiritaj heredantoj de Sankta Petro neniam ĉesis, malgraŭ ĉiuj malamikaj klopodoj, dissendi la lumon de la katolika Fido.

Ni iros, filoj de ĉiuj nacioj, kiuj ekzistas sub la suno, porti kune al la Papo la certigon de nia firma decido labori kune, intime ligitaj per la komuneco de *fido*, kaj *lingvo* por la plivastigado de la Dia regno.

Pripensu kiom grava estas nia klopodo!

De la tempo kiam en la tuta kristanaro la latina lingvo estis la dua lingvo de ĉiuj, neniam alvenis en Romon tia pilgrimo *konsistanta el personoj ĉiurangaj, ĉiurasaj, ĉiunaciaj, kapablaj interkompreniĝi.*

Sed antaŭ ĉio, ni memoru, ke ni volas plenumi *pian agon,* ne brueman lingvan manifestadon.

Ni ne iru Romon kun ordinaraj sentoj de bonaj Esperantistoj irantaj al iu kongreso: ni iru tien, kun humila kaj interna ĝojo de bonaj katolikoj irantaj al sia spirita patro, kaj vizitontaj la sanktajn lokojn, kie mortis la grandaj Apostoloj de Kristo, kaj, post ili, miloj kaj miloj da sanktaj martiroj, kiuj nun kantadas por eterne, en la lingvo de l' senfina amo, la laŭdojn de Dio.

Ni preparu nin, ne nur materiale, sed, ĉefe, *spirite* al tiu *pilgrimo!* Ni ne forgesu, ke per vere pia ago, kiu altiros sur nian movadon la benon de Dio, ni centfoje pli faros por nia afero, ol per simpla manifestado, kiu celus nur altiri al Esperanto la atenton de la katolikaro.

Gesamideanoj!

Tiu granda pilgrimo, kiun, je la lasta vespero de nia 1-a kongreso, ni konsideris kiel malproksiman kronon de niaj penadoj, estas nun decidita afero!

Al vi ĉiuj, riĉuloj kaj malriĉuloj, ni faras plej koran, plej *insistan* alvokon! *Vi, de nun, decidu veni al Romo!*

Vi faru propagandon ĉirkaŭ vi! Vi varbu amikojn, parencojn! Vi de nun ŝparu monon por tiu bela, senkompara vojaĝo.

La Preparanta Komitato jam faris *multajn klopodojn,*

kaj akiris la *certecon*, ke nia Pilgrimo al Romo estos *belega kaj sukcesplena:* el ĉiuj partoj de l' mondo jam venas multaj entuziasmaj promesoj de partopreno. Baldaŭ ni liveros al vi plenajn sciigojn pri la organizado kaj elspezoj, la vojaĝo, k. t. p. Ĉiu helpu al ni per sia tuja aliĝo! Eĉ se kelkaj el vi tion povas, ili faru mondonacon, eĉ malgrandan, por la organiza kaso.

Venu ĉiuj al Romo!

La Preparanta Komitato.

Abato A. RICHARDSON,
Prezidanto,
121, rue du Marais,
Bruxelles, Belgique.

Cl. COLAS.
Sekretario,
51, rue de Clichy,
Paris
F-ino M. LAROCHE,
Centra Kasistino,
55, rue de Vaugirard, Paris.

---

## Praktikaj Sciigoj,

Post la 5-a de Januaro, jam pretaj estos *membrokarto* kaj *propagandaj markoj.* Oni do povas sendi de nun la kotizon por aliĝo (*2 Sm.*) ĉu al la Centra Kasistino (F-ino LARROCHE, 55 rue de Vaugirard, Paris), ĉu al la naciaj kolektantoj, kiuj ilin sendos poste al la Centra Kaso. *Do, la plej simple estas sendi rekte al F-ino Larroche,* 55 rue de Vaugirard, Paris.

Belaj afiŝoj estas ankaŭ preparataj; unu ekzemplero estos senpage sendata al ĝiu aliĝinto. Pluaj ekzempleroj estos aĉeteblaj por propagando.

Ni de nun havas *preskaŭ certecon* ke gravaj rabatoj estos konsentataj por la vojaĝo. Aliparte ni jam scias, ke ni estos gastogataj en Romo po tre moderaj kondiĉoj.

Mi intencas viziti Romon baldaŭ kaj, se eble, prezenti al la Sankta Patro, la filajn sentojn de ĉiuj I. K. U. E.-anoj.

(El Belga Katoliko.) Cl. C.

---

**Katolika Esperanto-Societo Berlin.**

La sukceso de la agado de nia Societo dum la antaŭaj kvar monatoj ĝis la fino de Oktobro 1912 estas sufiĉe bona. Ĝojiga estas la fakto, ke dum tiu tempo la redakcioj de la kvin katolikaj ĵurnaloj aperantaj en Berlin, fariĝis pli favoraj al nia afero. Tial ni povis aperigi en „Märkische Volkszeitung", kaj grandparte ankaŭ en „Germania", „Nordische Volkszeitung", „Saechsisches Tageblatt" kaj „Deutscher Volksfreund" entute 25 diversajn artikolojn kaj notojn pri Esperanto kaj pri nia Societo kun 973 linioj da teksto krom 154 linioj en 10 raportoj, liveritaj de aliaj flankoj. Citindaj estas la kvin raportoj ampleksantaj 277 liniojn pri la Oka en Krakovo, kiuj kune kun la „kapoj" de la kvin nomitaj gazetoj estas haveblaj en la formo de fotografaj vidaĵkartoj kontraŭ sendo de unu respondkupono po ekzemplero, kaj la kvar artikoloj pri nia Tria en Budapest enhavantaj entute 304 liniojn. La raportojn ni verkis pri la Oka laŭ la „Kongresa Bulteno" regule sendita el Krakovo de nia membro S-ro BOCHENECK kaj pri nia Tria laŭ sciigoj ricevitaj de nia ĉeestanta ano S-ro DE LUZCENBACHER. Sekve de la gazetartikoloj kaj notoj ni ricevis 123 poŝtkartojn kaj leterojn el Berlin kaj ĉiuj partoj de Germanujo. La korespondaĵoj montras, kiom da intereso por nia afero ni vekis inter la proksimume 50.000 abonantoj de la kvin ĵurnaloj. Post tiu ĝenerala propagando ni komencis la varbadon por niaj kursoj en Berlin. Ni presigis specialan folieton kun sciigoj pri nia Societo kaj pri la celoj kaj disvastiĝo de Esperanto. La dorsflankon ni uzis por informoj pri niaj komencotaj kursoj. Preskaŭ mil tiajn folietojn kun aliaj enhavantaj gramatikon kaj vortaron de Esperanto ni disdonis en grandaj kunvenoj de katolikoj. Plue ni instigis kelkajn librejojn, elmeti esperantaĵojn en la fenestrego. Fine ni ankoraŭ propagandis per paroladoj kaj ekspozicioj de esperantaĵoj en katolikaj unuiĝoj. La 19-an de Septembro nia fervorega ano S-ro pastro VAN POPPEL faris en la Katolika unuiĝo „St. Meinrad" antaŭ proksimume 150 personoj eminentan paroladon pri la temo „Esperanto kiel signo de l' tempo".

Pri la parolado ni aperigis la 24-an de Septembro 147-linian raporton en „Märkische Volkszeitung". Poste fraŭlino PIELKE aŭdigis al la ĉeestantoj la belsonecon de Esperanto per kelkaj kantoj. La 9-an de Oktobro S-ro pastro VAN POPPEL interese paroladis en la „Katolika komerca unuiĝo de Berlin" antaŭ eble 50 sinjoroj pri la temo „Esenco kaj celo de la helplingvo Esperanto". La 10-an de Oktobro li ree volis paroli en la „Unuiĝo de katolikaj komercistoj Concordia" pri „Esperanto kaj ĝia signifo por la komercistaro", sed lastmomente devis rezigni pro malsano, pro kio S-ro FROMM laŭ povo rakontis al la 30 ĉeestantaj sinjoroj pri Esperanto kaj ĝia valoro por komerco kaj industrio. La du komercaj unuiĝoj verŝajn aranĝos specialajn kursojn por siaj membroj. Por la tuta propagando ni elspezis entute preskaŭ 30 Sm. La 1-an, 3-an kaj 4-an de Oktobro ni komencis po unu kurso en la norda, sudokcidenta kaj sudorienta partoj de Berlin. Entute partoprenas 27 personoj, 8 sinjorinoj, kaj 19 sinjoroj kaj pagis po 2.5 Sm. por la instruado kaj la lernolibro de Irmscher. Krom tio ni kaj ankaŭ la librejoj vendis diversajn lernolibrojn al aliaj personoj, kiuj preferas la memstudadon. Inter ili estas precipe fervora S-ro subparoĥestro D-ro SCHMIDT el Neukölln, kiu varbis jam diversajn personojn por nia afero. Ree aliaj interesuloj promesis partopreni en niaj estontaj kursoj, ĉar la nunaj ne plaĉis al ili laŭ loko aŭ tempo. La nombro de la korespondaĵoj alvenintaj dum la raporta tempo estas 218 kaj tiu de la forsenditaj 579, inter ili multaj kun klarigaj presaĵoj. La vizito de la kunsidoj ankaŭ dum la somero, kiam kelkaj anoj estis forvojaĝintaj, estis kontentiga; entute okazis ok kunvenoj kun meznombre 10 ĉeestantoj. Parta kaŭzo de tiu pliboniĝo certe estas la aranĝo de kelkaj interesaj paroladoj. Ekzemple parolis S-ro de LUCZENBACHER la 8-an de Julio pri la internaciaj kongresoj, F-ino BLESSMANN la 22-an de Julio pri sia vojaĝo al Lourdes, S-ro DAMERAŬ la 26-an de Aŭgusto pri sia vojaĝo al Holando, S-ro BOĈENECK la saman vesperon pri siaj impresoj de la Krakova kongreso. Ekskurson aranĝitan la

14-an de Julio partoprenis nur 5 sinjoroj. La nombro de la membroj pligrandiĝis al 18. Ĝi ne estas pli granda, ĉar ni ĝis nun akceptis nur personojn, kiuj jam lernis Esperanton. Sed la nunaj gekursanoj espereble baldaŭ plifortigos niajn vicojn.

S-ro Oskar FROMM,
43 Berliner Str., Charlottenburg 2,
Germanujo.

---

**Esperanto-tablo „Verda Stelo" II Gumpendorferstr. 39. Esperanto-tablo „Vindobona" XV Gebrüder Langgasse 8 en Vieno (Aŭstrio).**

Agrablajn tagojn niaj membroj ĝuis, kiam, post la III-a Kongreso en Budapesto, multaj samreligianoj vizitis nian domon „Kathol. Gesellenhaŭs" traveturante nian ĉefurbon. Antaŭ ĉio ni ŝuldas nian koregan dankon al nia senlaca Reverenda Prezidanto Abato RICHARDSON, kiu nin honoris per sia vizito tiel ofte, kvankam li loĝis en distrikto trans la Danubo. Eĉ li ne timis la malagrablan veteron, kiu komencis en tiuj tagoj. Lian akompananton, Pastron HUWAERTS, ni ankaŭ ĉiam rememoros kiel ankaŭ nian ĉie konatan amikon C. COLAS. Preskaŭ nur ĉiam laborante por la gloro de niaj Kongresoj, S-ro Colas nevolis forlasi nian regnon antaŭ ol rigardi nian ĉie-disvastigitan institucion. Rigardinte nian domon en Budapesto, li deziris ankaŭ viziti la centran domon de Aŭstrio, kiu estas konstruita antaŭ 60 jaroj de nia patro mortinta, Kardinalo D-ro A. GRUŜA, la „Aŭstria KOLPING". Certe S-ro COLAS ne forgesos la religian vesperkanton, kantitan de la membroj en la plena lokalo.

La Eŭĥaristia kongreso komencis kaj denove venis amikoj, kiuj anoncis sian alvenon al la „Verda Stelo". Ĝoje ni atendis niajn samlingvanojn en la stacidomo, por gvidi ilin en la loĝejon. Ho, kiel agrable do estas, senzorge vojaĝi fremdlandon (eĉ nekonanta la popolan lingvon) sciante, ke amikoj atendas nin kaj helpos nin per la facila

lingvo Esperanto. Ankaŭ ni ne volas forgesi, kiel grava ĝi estas se niaj pastroj parolas tiun ĉi lingvon; facile ni povos plenumi en fremdlando la eklezian leĝon, konfesi niajn kulpojn. Tion rimarkis ankaŭ nia respekt. pastro Klaŭdjo PLANELL el Barcelono. Certe li ne estus tiel gaja sen nia kara lingvo. Ĉiam ridante li tuj gajnis la korojn de niaj membroj, kaj multaj el ili bedaŭris ne scii nian lingvon por ankaŭ interparoli kun tiu ĉi modesta pastro. Jes ni ne forgesos la momenton, kiam li montris al ni la simplecon konstrui la kvinpintan stelon el papero.

Ankaŭ ni estas dankemaj al la estraro de I. K. U. E. por la honoro, ke nia prezidanto Benedikt ULM ricevis la standardon en Budapesto, por ĝin porti dum la granda, granda procesio de eŭkaristia kongreso. Tiu ĉi simbolo entuziasmigis nin por la katolika ideo, kaj atente ni aŭskultis la historion de tiu ĉi standardo.

La solena momento en la kapelo de nia domo, kiam la antaŭ-vesperon de la granda procesio, la kataluna Rev. pastro Kl. PLANELL benis la standardon kun la nova kruco kaj rubando en la papaj koloroj, dediĉitan de niaj anoj, estas nova juvelo en la historio de nia Esperanto-tablo „Verda Stelo". La granda tago, la 15-a de Septembro venis; ni marŝis al la „Katolik. Gesellenhaus", de kie ni je la 7-a matene eliris por ĉeesti tiun gravan manifestacion. La vetero ŝajnis agrabla, sed ho ve, kiam la grandega amaso de diversnaciaj homoj tramarŝis la belegan Ringstraton komencis pluvi, kelkfoje eĉ pluvegi. Sed pacience ĉiuj finigis tiun ĉi longan promenadon ĝis la celo, antaŭ la imperiestra palaco. La kinematografaj fotografis la grupojn kaj ni, post kelkaj tagoj rigardis en Kino-teatro la tutan procesion, eĉ ni rimarkis ankaŭ nian verdan standardon. Horo post horo pasis, ni estis preskaŭ en la komenco de procesio kaj devis starante atendi ĝis la kvarono antaŭ la unua tagmeze, ĝis alvenis la luksega veturilo kun la Rever. legato VAN ROSSUM kaj Kardinalo NAGL de Vieno, kiu benis la amason per la Sanktega Sakramento. Bedaŭrinde la sankta meso sur la kastelega pordego ne povis okazi; tial nia imperiestro ordonis, ke la procesio veturu

zigzage sur la placo, por ke ĉiu ĉeestanto rigardu la Sanktan Sakramenton kaj ricevu la sanktan benon. Ho, kiaj momentoj! Certe neniam okazis kongreso sub tiel multaj malagrablaĵoj kaj tamen ĉiu povas konfesi, ke la procesio sukcesis. Ni ĉiuj estis malsekigitaj; ankaŭ nia kara standardo ricevis la bapton de l' ĉiela akvo tiel, ke ni jam timis, ke la blanka parto verdiĝos; feliĉe tio ne okazis. Dum ni tramarŝis la stratojn, ni ofte aŭdis la vortojn el la rigardantoj: „Ah Esperanto, ah Esperantisten!" Starante sur placo antaŭ la imperiestra palaco, multaj, rimarkinte nian standardon, demandis nin kaj interesiĝis pri la enskriboj „Barcelono, Parizo, Hago". Ho jes! ni sukcesis, kaj nun „ĉiam antaŭen", ĉiam pli disvastigante nian karan lingvon!

Nun, karaj gelegantoj, se vi pacience tralegis tiun ĉi raporton, sciu, ke ni celis priskribi nur la eksterajn impresojn; priskribi la impresojn, kiujn ni sentis en nia koro tute ne estas eble.

Ho milfoje feliĉa la katoliko, kiu sin povas komprenigi per nia kara lingvo Esperanto. Donu la bona Dio, ke alvenu baldaŭ la tempo, kiam akceptos precipe la eminentulaj katolikoj nian lingvon, por ke foriĝu la opinio, ke Esperanto estas framasona lingvo.

Esperanto estas framasona lingvo en la uzado de framasonoj. Sed kiam katolikoj uzas Esperanton, tiam ĝi estas

**katolika lingvo!**

Nun karaj gelegantoj, ne forgesu la Esperantan tablon „Verda Stelo" Wien II Gumpendorferstrasse 39. Se vi vizitos Vienon, niajn membrojn vi povas viziti ĉiun vesperon kaj ĝoje ni akceptos vin. Ankaŭ ni estos al vi ĉiam dankemaj, se vi donacos al ni katalogojn kaj gazetojn, por ke ni rigardu ankaŭ la laborojn en eksterlando. Demandu, ĉu ekzistas en via urbo nia „Kathol. Gesellen-Verein", propagandu en ĝi nian lingvon; vi multe helpos al nia I.K.U.E., ĉar nia granda unuiĝo estas vere internacia. Ĵus ni legis, ke novan domon ni ricevis en Venezia (Italujo). Niaj membroj multe vojaĝas de urbo al urbo, de lando al lando kaj tiamaniere ili fariĝas la plej utilaj propagandistoj; rakontu al laboristoj, kiujn vi konas, por ke ili aliĝu al nia

unuiĝo, por ke ili ankaŭ povu facile travojaĝi fremdajn landojn. Ĉie ili trovos amikojn katolikajn, ni helpos forigi la batalon inter la diversaj nacioj. Tiu ĉi estu nia programo en la estonteco kaj la ilo estu nia Esperanto, la lokoj estu la domoj de la „Kathol. Gesellenverein”, en kiuj sin renkontas laboristoj, instruistoj, metiistoj, eĉ studentoj kaj pastroj. B. ULM.

---

## „Nederlanda Katoliko”.

Je la 19-a de Nov. s-ro Petro JANSSEN, prezidanto de la Amsterdam'a grupo „Nia Kredo”, faris paroladon por la katolikaj unuiĝoj de la poŝtistoj, policistoj kaj tramvojistoj pri Esperanto kiel praktika valoro por la ĉiutaga vivado, precipe en iliaj fakaj rilatoj kaj kiel praktika valoro por ilia katolika organiza movado. Nun oni aranĝas kurson kaj publikigos en iliaj fakaj gazetoj artikoletojn pri nia movado rilate al ilia metio.

---

**Jeruzalemo,** la 22-an de Decembro '12.

Hodiaŭ fondiĝis en la Sankta Urbo de Jeruzalemo grupo Katolika esperantista kun la speciala celo:

1e. disvastigi nian karan helplingvon precipe inter la pastraro;

2-e. prepari sufiĉan nombron de pastroj kapablaj por preni konfesojn esperantajn de pilgrimoj aŭ vizitantoj, kiuj ne trovas konfesprenanton nacian;

3-e. kontraŭ respondkupono aŭ respondkarto informi ĉiujn Esperantistojn pri aferoj de Jeruzalemo aŭ la Sankta Lando, hospicoj, hoteloj, sciencaj esploroj, k.t.p.

Prezidanto estas pastro agostinana: Gabriel (N. D. de France).

Vicprezidanto estas pastro franciskana: Hugolino, kaj sekretario pastro greko-katolika: A. Sardi.

La regulaj kunvenoj de la anaro plej diversnacia okazas en la monaĥejo de la Sankta Tombo.

P-ro Ernst SCHMITZ.
Direktoro de la Katolika Germana Hospico.
Jeruzalemo.

## Katolika Esperantista movado en Katalunlando. (Hispanujo.)

---

Unuafoje en nia Katalun-lando la Katolikaj Esperantistoj solenege festis al sia Patronino „Nia Sinjorino de la Espero". La plej flata sukceso kronis la feston, kiun organizis la Katalun-Ligo de Katolikaj Esperantistoj kun la kunhelpado de la anoj el Vallés.

Pasintan dimanĉon la 15-an de decembro, frue matene, multaj kunvenis en Barbara el Vallés, en kies paroĥpreĝejo okazis solenega Meso, kiun diris la R-da paroĥestro de tiu urbeto, Pastro Josefo Planas. Dum la Meso predikis la R-da Doktoro Pastro J. Coll, profesoro de esperanto en la Barcelona Universitato, kiu per fervoregaj vortoj trealtigis kaj trelaŭdadis la glorojn de sia Patronino, la ĉiam pura, senmakula Virgo Mario, pruvante ke ŝi plenumis la esperon de la homaro pro ŝia beleco kaj virgulina graco. La Orgeno de la katolika Akademio el Sabadell majstre interpretis la meson „Te Deum laudamus" de Perozi-o. En la presbiterejo prefere sidiĝis la sinjoroj Rosals kaj Gili riprezentantoj de la Katolika Ligo, S-ro Arnella, riprezentanto de anaroj el Barbara, S-ro Garriga el Sabadell, kaj S-ro Jardi el Sankta Perpetua. Post Sankta Meso, oni organizis longprocesion, kiu ĉirkaŭiris la preĝejon kaj poste la kunvenantoj esti malavare regalitaj en la paroĥdomo.

Tagmeze sukcesis frata tagmanĝ-festeno en Hotelo Kataluno en Sabadell, en kiu okazis grandega ĝojeco kaj amikeco inter la 40 en ĝi kunmanĝantoj.

Je la kvara posttagmeze, okazis en la bela aktsalono de la Akademio Katolika, kiu estis tutplena de elektaj aroj, litermuzika vesperkunveno je honoro de la Virgulino de la Espero, kaj kiel rememorigo de la starigo de la grupo de katolikaj esperantistoj je ĝia Akademio. Prezidis Pastro J. Coll akompanata de la riprezentantoj el Sabadell, Barbara, Sankta Perpetua, Tarrasa, Moncada kaj Barcelono.

En la muzik-parto meritis laŭdadojn kaj longaplaŭdadojn F-inoj A. kaj M. Gili, kiuj piane kaj violone interpretis iajn muzik-pecojn de Bach, Mozart kaj Field. Ankaŭ estis

long-aplaŭdata F-ino E. Huyas kiu, akompanata je piano de Pastro Bugarull, kantis per bela voĉo esperante kaj Katalune belajn enland-kontojn.

En la litera-parto superegigis F-ino E. Arnella kaj S-roj Doktoroj Buxó, Mojanell, Mas, R-da J. Sabater, J. Rosals, A. Sabadell kaj Argemi. Amuza Akademsekcio ravis la kunvenantojn per ludado de sprita komedio „La honoro" tradukita el la verko de A. Mestres.

Resumis paroladojn Pastro J. Coll, kiu, per mallongaj vortoj dankis al ĉiuj, kiuj kunlaboris al tiel bela festo, kaj montris iajn praktikajn aferojn, pruvante ke la katolikaroj atingis kaj eĉ atingos multajn fruktojn en la apologia agado per esperanto.

Preskaŭ fine de la vesperkunveno, aperis sur la prezidantestrado Pastro F. Sardá kaj Salvany kiu estis varmege aklamata de la amasaj ĉeestantoj kaj kiu devis direkti sian vorton aŭtoritat-plenan por komplezi al la kunvenantaro. Tion li faris, elparolante elokvent-vortojn por plialtigi la senlacan laboradon katolikan esperantistan.

La kunvenaroj eliris ĝojegaj el la solenigita festo, dezirantaj ke dum la proksima jaro oni ripetos kaj eble ankoraŭ pli solene kaj entuziasme.

El katolika ĵurnalo „El Correo Catalan".

Tradukis,
Pastro Paŭlo PLANA, paroĥestro.
El Ventalló. Hispanujo.

## En Parizo.

En Decembro lasta, nova grupo de katolikaj Esperantistoj nomata: „Rondo Nia Sinjorino de l' Espero" estis fondita, dank' al la klopodoj de S-ro COLAS kaj F-ino CAPRA.

Tiu agema rondeto, kiu ricevis proksimume 30 aliĝojn, havas kiel spiritan direktoron junan pastron Esperantistan, Abaton Comptour profesoron en la kolegio S-te Geneviève.

Ĝis Pasko, okazis dufoje ĉiumonate kunvenoj; dum somero la kunvenojn anstataŭas Esperantistaj katolikaj promenadoj.

La grupo akceptas kiel anojn nur verajn katolikojn (praktikantajn). En ĉiu kunveno oni komencas per la preĝo; poste, spirita paroladeto de l' direktoro; parolado pri katolika temo, traktata de unu el la geanoj de l' rondo; fine kantado de kantikoj, frata interparolado, kaj vizito al Baziliko de Montmartre aŭ alia sanktejo. (Kompreneble, ĉio okazas en Esperanto.)

La promenadoj estas tiel organizataj: Frumatene, la grupo forlasas Parizon, kaj iras en la kamparon. Je la 8-a proksimume, ili vizitas preĝejon, kaj Abato Comptour faras meson kun prediko en Esperanto. Oni preĝas kaj kantas en Esperanto.

La manĝoj, tre simplaj, fariĝas sur la kamparo; de tempo al tempo ludoj, diskutoj, kantoj okazas en Esperanto, vizito al preĝejoj, kiujn oni renkontas, kaj fine, je la noktiĝo, reveno al Parizo.

La sperto montris, ke la plano sekvata en tiuj konvenoj kaj promenadoj estas tute bona kaj igas ilin plej agrablaj.

P. I.

---

# RELIGIA KAJ NE-RELIGIA INSTRUADO EN KANADA.

---

El la oficialaj dokumentoj presitaj de la Kanadana registaro pri la kriminaleco en la diversaj provincoj de tiu lando, ni elĉerpas la jenajn tre interesajn statistikojn pri la du provincoj *Quebec* kaj *Ontario*. Tiuj-ĉi provincoj estas la du plej popolozaj, sed obeas tute malsimilajn leĝojn kaj principojn, rilate al la edukado de l' infanoj. La lernolibroj en Quebec estas verkitaj laŭ la katolika doktrino; en Ontario, laŭ la protestanta, tio estas, plej ofte plenaj je eraroj kontraŭ la Fido, sed precipe ateaj, sen ia ajn anima aŭ religia vorto. La provinco Quebec estas plej multe katolika; Ontario, male, protestanta.

Kompreneble, en Ontario, la ĵurnaloj protestantaj kutimas

plej ofte malbone paroli pri la loĝantaro de Quebec, kvazaŭ la la francaj kanadanoj estas tute malkleraj ĉiavidpunkte. Poste tiaj akuzoj estas represataj en la ĉiulanda protestanta gazetaro. Sed se tiuj ĵurnalistoj ne malŝatas ekrigardi, eĉ rapide, la „bluan" libron, ili konstatos ĝis kia grado ilin erarigas ilia malsincereco, rimarkinte kia diferenco troviĝas inter la krimoj faritaj en Ontario, kaj en Quebec.

La tutaĵo de la kondamnoj pro kulpegoj kriminalaj, kaj malgrandaj kulpoj estas jena dum la du lastaj jaroj:

| | Ontario. | Quebec. |
|---|---|---|
| 1909 | 36.665 | 18.855 |
| 1910 | 41.401 | 18.514 |
| | 78.066 | 37.369 |

Do la kondamnoj plimultiĝis dum 1910 en Ontario po 4.736; en Quebec ili malmultiĝis po 341; kaj, dum du jaroj, estas diferenco da pli ol 40.000 inter la du provincoj, kvankam en Ontario la loĝantaro estas nur po unu kvinono pli multa ol en Quebec, t. e.: Ontario 2. 500.000; Quebec 2.000.000.

Jena estas la nombro de la akuzoj kaj de la kondamnoj en ambaŭ provincoj pri aliaj kulpoj:

| | Ontario | | Quebec. | |
|---|---|---|---|---|
| | 1909 | 1910 | 1909 | 1910 |
| Akuzoj | 7179 | 7148 | 2964 | 2570 |
| Kondamnoj | 5213 | 5373 | 2364 | 2062 |

Do, dum 1910, okazis malpli da akuzoj kaj kondamnoj en Quebec, ol dum 1909; en Ontario, kontraŭe, okazis malpli da akuzoj kaj pli da kondamnoj ol dum la pasinta jaro. Tamen en Quebec troviĝas malpli da senkulpigoj (19%), ol en Ontario (24. 98%).

Ĉe l' ĉapitro de kulpuloj-ne-ankoraŭ-16-jaraj oni legas la jenan komparon, kiu, denove, pruvas la superecon de Quebec kontraŭ Ontario:

| | Ontario. | Quebec. |
|---|---|---|
| 1909 | 689 | 228 |
| 1910 | 834 | 252 |
| Plimultiĝo | 145 | 24 |

Ĉi tie ankoraŭ plimultiĝo pli granda en Ontario ol en Quebec.

Pri pli junaj kulpuloj oni legas la jenajn ciferojn:

| | Ontario. | Quebec. |
|---|---|---|
| 1909 | 321 | 87 |
| 1910 | 316 | 79 |
| | 637 | 166 |

Plej edifiga kaj instruiga estas la ekzameno de l' tutaĵo de l' akuzoj pro diversaj krimoj en ambaŭ provincoj.

| | Ontario. | Quebec. |
|---|---|---|
| Mortigoj | 16 | 10 |
| Provo al mortigo | 6 | 15 |
| Ŝtelo kun rompaĵo | 162 | 52 |
| Rompaĵo de domoj | 320 | 182 |
| Malveraj pretekstoj | 178 | 99 |
| Kaŝitaĵo | 85 | 50 |
| Simpla ŝtelo | 3652 | 1338 |
| Provo al memmortigo | 19 | 9 |
| Ebriaĵo | 10717 | 5557 |

Pri la provo al mortigo, oni rimarku, ke en la provinco Quebec, ĝi okazis ĉe Montreal, kaj ke la provuloj estas tute ne kanadanoj, sed fremduloj, t. e. Italoj aŭ Poloj, antaŭ ne longe ekloĝintaj en tiu urbo.

Do, en ĉiu rilato — escepte unu, (provo al mortigo) — la katolika provinco Quebec kalkulas pli malmulte da krimuloj, ol la protestanta provinco Ontario. Ĉu la religia instruado ne utilas al io? . . .

---

*Postskribo.* La kvar lasttempe kondamnitoj al morto, en Montreal, estas tute fremduloj: unu Anglo, unu Rus-Hebreo, du Italoj, kiuj enmigris Kanadon antaŭ nelonge.

*Elĉerpaĵoj el Oficialaj Statistikoj de Kanada.*

# La Oka Kongreso en Krakovo.

---

Laŭ la unuanima opinio de la partoprenintoj, la „*Jubilea Kongreso*" estis ĉiurilate, vera sukceso. Verdire, ĝi ne estis tiel multnombra kiel la Sepa en Antwerpen. Tion oni devis antaŭvidi. La plimulto da Esperantistoj loĝas en la Okcidento de Eŭropo, tiu plimulto ĝenerale konsistas el neriĉuloj. Tio estas la forto de nia movado, ĝi estas esence demokrata. La pli multo de niaj membroj devas fari veran oferon por ĉeesti niajn ĉiujarajn kongresojn. Sed, por la Angloj, la Francoj, la Hispanoj k. p. t. la vojaĝo al Krakovo estis tro multekosta, kaj la tempo necesa por fari tiel longan vojaĝon mankis al multaj. Sed la kaŭzoj de la granda sukceso de la „Oka" estis unue: la perfekta organizo, kiu treege honorigas la Krakovan Lokan Komitaton, kaj memorigas la kongresanojn pri la neforgesebla „Tria" en Cambridge, kaj due: la vere samideana spirito, kiu regis, sen iu ajn escepto, dum la tuta kongreso. Dank' al la takto de la Vic-Prezidanto de la K. K. K., S-ro Carlo BOURLET, oni evitis neutilan diskuton pri Ĝenerala Organizo. Oni tute pravis. Ĝis kiam oni povas prezenti al ni *klaran*, *definitan projekton,* kiu laŭ la decido de la „Sepa" devas esti prezentata almenaŭ 3 monatojn antaŭ la Kongreso, tute ne estos praktike, pridiskutí dum kongreso temon tiel gravan. Kortuŝanta estis la malferma parolado de la Kreinto de Esperanto, kiu malpermesas al ni lin nomi „Majstro". Ĉiu esperantisto legis tiun noblan kaj modestan paroladon. Neniu povas nei al D-ro Zamenhof la rajton postuli kelkan bone meritan ripozon post 25 jaroj da pena laboro. Lia modesteco, kaj ankaŭ liaj personaj gustoj kondukas lin preferi la staton de simpla kunlaboranto en la homema movado, kiun li iniciatis, pli ol la malfacilan pozicion de Estro, nomo kiun li ĉiam rifuzis akcepti. Almenaŭ oni devas nun koncedi al li la rajton de ĉiu Esperantisto, t. e. libere sciigi sian opinion pri ĉio, kio koncernas Esperanton, rajton kiun kelkaj ŝajnis, ĝis nun, rifuzi al li. Tio, kion lia tro granda mode-

steco ne povos rifuzi al ni, estas nia rajto: lin konsideri kiel la plej kompetentan Esperantiston. Ne multe plaĉas al ni forlasi la dolĉan esprimon: „*Nia Kara Majstro*", kaj ni kuraĝas diri, ke, laŭ ni, la vorto „Majstro" donata al scienculo, tute ne esprimas la ideon de Mastro aŭ de Estro, sed nur de Alteminentulo pri la scienco aŭ arto. Eble D-ro Zamenhof, post pli serioza pensado cedos pri tiu punkto al la ĝenerala deziro de siaj disciploj. Se ne, ni devas obei. Ni laŭte aprobas la elekton de Genovo por la naŭa Kongreso. Ni dankas la Honoran Prezidanton de I. K. U. E. tial ke, dank' al siaj demandoj ni ricevis klarajn kaj precizajn certigojn pri la plena neŭtraleco de la Naŭa Kongreso. Post tiuj lojalaj klarigoj, ni Katolikoj, povos partopreni la Genovan Kongreson, same kiel ni ĝis nun partoprenis en la ok unuaj kongresoj. Nenio okazos por iumaniere vundi niajn religiajn konvinkojn. La dato fiksita por nia Pilgrimado al Romo, faciligos la ĉeeston de la Katolikoj, tre multnombraj ni esperas, ĉar de Romo al Genovo la vojaĝo estas mallonga kaj nekara.

A. R.

---

## BOHEMAJ PROVERBOJ.

Eĉ kokido trinkante rigardas ĉielon.

Kie monaĥo, tie kapuĉo.

Memoru pastro, ke ci antaŭe estis homo!

Kiu malfidela al Dio, malfidela ankaŭ al homoj.

Kiu en vin per ŝtono, vi en lin per pano. (La senco: Kristano pardonas al malamikoj).

Diablo havas multe da sukero, li pro tio eĉ pekon dolĉigas.

Bela animo, bela korpo.

Kion Dio donis, sankta Petro ne prenos.

Al kiu Dio favora, al tiu ĉiuj sanktuloj (favoraj).

En tiu ĉi mondo oni nur iras ĉirkaŭ morto en rondo.

Ĉiu kun morto dancos.

Hodiaŭ ni estas ĉi-tie, morgaŭ ie (pri maldaŭreco de homa vivo).

Post morto estas tro malfrue por penti.